# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 12/11/2015 Ducentkvardektria eldono 12/11/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**


**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

## El Ĉinujo 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinujon ĝis 29a-Novembro -2015**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi rspring@tpg.com.au

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 185,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 96. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Prepozicio aŭ Akuzativo? F. Tria Postskribo.

La pasintnumere menciitaj kunmetoj de verbo kun prepozicio, kiel “”Pritrakti proponojn” kaj “Ĉeesti la feston”, estas en Esperanto tre popularaj, pli ol bonstile, kaj senesceptaj. Tamen oni ne renkontas esprimojn kiaj “Ŝi postvekiĝs la bruon” nek “Ŝi ennaĝis la lagon”, kvankam permeseblajn. Natura instinkto igas la Esperantistojn ne troigi ĉi tiun modaĵon.

Jen kelkaj akceptataj esprimoj: “Ni eniris la domon”; “Ni postlasis (post ni) la pezajn librojn”; “Ili pripensis la konsekvencojn”; “Ni travojaĝis la dezerton”; “Ŝi subiris

la ekzamenon”; “Ci surmetu (sur cin) la pluvsurtuton”; “Ni devas subkompreni (sub ni) la vorton ‘speciala’”; “Malmultaj postvivos atombombojn”.

Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



★

Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (ctrl+klaku la veran ligilon)

★

Tomiko Otagiri kaj ŝia frato. Ili deziras restadi de la 21a ĝis la 25a de Novembro

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.



## Wuhana trotuaro apud la enirejo de iu subtera trajnstacidomo

Multaj elektromotoraj, silentaj, du-radaj veturiloj estas nun uzitaj anstataŭ biciklojn.

Same kiel bicikloj ili veturas laŭ la deziroj de la veturigistoj sur la trotuaro aŭ strato, en ambaŭ direktoj, ili ignoras trafikajn lumojn kaj piedirantojn. Nur la malrapideco de ĉiuj stratuzantoj savas la situacion.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm
**Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo**

## Cerbumaĵo en Manlio

Anoj ege ĝuis kvizon kiu estis malkovrita en la ĵurnalo "Esperanto Sub la Suda Kruco" Septembro. Esther Parris verkis tion.

Pro tiu fakto mi povis rakonti ree al ĉiuj pri la okazaĵo, du-tri semajnojn antaŭe, kiam Esther kaj mi hazarde renkontis unu la alian en York strato, Sidneo,dum ŝi laborkunvenis tie.
Do, kvankam la kvizo havis kelkajn malfacilajn demandojn, ni gajnis poentojn.
Ĉies poentaroj estis egalaj. Sed finfine, per la lasta solvo-- Lago Windermere-- Eunice venkis.
Tre bona kvizo kaj amuza, vigla mateno! Chris Holliss 07/11/15



# Pri 3ZZZ radio

En la elsendo de la 9a de novembro eblas aŭdi intervjuon de vizitanto el Adelajdo , Charles Stevenson, farita de Heather Heldzingen kaj ree Marcel insistas en sia parolado ke esperantistoj ne devas lerni Esperanton, artefarita lingvo same kiel nacian lingvon.

Fruktodonan aŭskultadon

La kunvokanto por la Esperanto grupo en 3zzz radio.

Franciska Toubale

***aĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio***

**VIRTUALA FAKA KONFERENCO - EN ESPERANTO**

La 24-an de oktobro okazis la 1-a medicina skajpa konferenco laŭ ideo kaj estrata de Roberto Cutiño, familia kuracisto el Kubo, kaj Denice Maldonado, fakulino pri rekapabligo el Meksikio.

Entute naŭ kolegoj partoprenis la konferencon, unu el Usono, unu el Kubo, du el Kolombio, kvar el Meksikio kaj unu el Germanio. Dum preskaŭ duhora kunveno pere de skajpo ĉiu partoprenanto havis la eblon dum 5-10 minutoj prezenti sin mem kaj rakonti pri sia individua laborkampo.

Estis krome prezentitaj mallongaj raportoj, ekzemple pri la medicina prizorgo de rifuĝintoj en Munkeno

(Germanio), la signifo de la „internacia tago de psika sano", kaj la agado de la Universala Medicina Esperanto-Asocio, UMEA.

Intis interŝanĝitaj per skajpo ankaŭ la aktualaj medicinaj vortaroj...!

La evento tiel entuziasmigis la partoprenantojn, ke oni decidis okazigi tiun formon de kunveno regule **ĉiun duan monaton**. Pli granda nombro de partoprenantoj kompreneble estas kaj dezirinda kaj ebla.

Montriĝis, ke multaj kolegoj kiuj anoncis la ĉeeston havis problemojn aktivigi siajn skajpo-programojn en la komenco de la kunveno. Ĝustatempa provo de la konekto certe necesas. Indas scii, ke la skajp-versioj por porteblaj komunikiloj ne permesas partopreni skajpajn konferencojn, do estas bezonata versio por komputiloj aŭ tekkomputiloj.

La organizantoj ĝustatempe anoncos la duan konferencon. Se vi interesiĝas, kontaktu la prezidanton de UMEA:

d-ro Christoph Klawe, c.klawe@web.de

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

## La 5a Datrevena Festo de "Meetup"

okazis Dimanĉon la 8an de Novembro ĉe Esperanto-Domo.

Ĝi estis malgranda sukceso kun 20 homoj, plejparte membroj, sed venis kelkaj ne-membroj.

Iu de la unua "meetup" kiun Gerry renkontis ĉe antaŭa somera lernejo.



*Foton sendis Nicole Else*

Venis 3 infanoj; 2 kantisto-gitaristoj plus klavaristo, amikoj de Lyudmila kaj Dmitri, kaj amiko de Kiah. La muziko kaj aliaj prezentoj estis interesaj, la manĝaĵo kaj trinkaĵo estis bonaj kaj la vetero estis bona. Ĉiu ŝajnis ĝui la tagon. Tiu sperto helpos plani ankaŭ la Zamenhof-Tagon. Sendis Jano Wylles